BOHEMA ESPERANTISTO

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Měsíčník pro šíření esperanta a esperantismu mezi Čechy
Orgán „SVAZU ČESKÝCH ESPERANTISTŮ“ v Rakousku.

Redakce a administrace: Praha III, Kampa 495.

Redaktor:
H. K. Bouška,
Praha-Smíchov 1097.

Vydavatel:
Jan Iglauer,
Praha III, Hroznová 6.

ROČNÍK IV SEŠIT 10

**Články. — Artikoloj.**



PRAHA, 20. VIII. 10. Cena 36 h

Vychází 20. dne v měsíci a je zdarma zasílán všem členům »Svazu českých esperantistů«, kteří zaplatili celoroční příspěvek 5 K. — Rukopisy, dopisy, knihy a časopisy zasílají se redakci. — Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka na odpověď. — Všecka díla redakci zaslaná jsou oznamována. Reklamace přijímá administrace jen do vyjití následujícího čísla. — Předpláceti a po číslech odebírati lze u administrace a ve všech knihkupectvích.



**Zásilky pro „S. č. e.“ adresujte: Mil. Schmidt, Praha-II. 1036/XIV.**
**Celoroční předplatné 4·— K.**

---

**Sdělení redakce.** — Z technických důvodů vydáváme místo ohlášeného dvojčísla (10—11), každé číslo zvláště, při čemž obvyklé rubriky vkládáme do čísla 11., které vyjde počátkem září.

---

**Sdělení administrace.** — Ježto blíží se konec ročníku, prosíme všechny, kdo nám dluhují předplatné, aby nám je dodatečně zaslali, při čemž upozorňujeme, že od každého, kdo nám předplatné (vlastně doplatné) nepošle do konce srpna, dovolíme si vybrati je poštovním příkazem a že na tom, kdo by nám ani tak nevyhověl — doufáme, že takového čtenáře nebude — budeme vymáhati svoji pohledávku cestou soudní. Nechť nikdo se nad tím nehorší, že se hlásíme o své peníze, za něž dáváme věc jistě dobrou!

---

**Illustrované přednášky** (vydává prof. dr. Alex. Batěk v Plzni-Lochotíně) přinesly v poslední době tyto nové, zajímavé rozpravy, jež svým čtenářům vřele doporučujeme: Den v českém Permu (12 hal.), O zeměpise ve středověku (36 hal.), Fotografování v přirozených barvách na autochromových deskách (48 hal.), O létání II. (48 hal.), Co a jak čísti? (12 hal.).

---

## Esperantská korrespondence — Esperanta korespondado.

Jednonásobné otištění oznámení stojí 60 h., trojnásobné K 1·50. Členové svazu a spolků sdružených platí pouze 40 hal., resp. 1 K. Pro přímé předplatitele je prvé otištění zdarma. — Vyměňovati dopisy[1]), pohlednice[2]), pošt. známky[3]), přejí si:

La unufoja enpreso de l' anonco kostas 25 sd. trifoja 63 sd. La anoj de l' asocio kaj aliĝintaj societoj pagas sole 17 sd, resp. 42 sd. Por la abonintoj la unua enpreso estas senpaga. — Interŝanĝon de leteroj[1]), ill. poŝtkartoj[2]), poŝtmarkoj[3]) deziras:

75. Rudolf Braha, Hronov, Bohemujo-Aŭstrio. Ĉiam kaj tuj respondos [1]) [2]). — 76. Dobri Dimitrof, Rusĉuko, Bulgarujo, Strato Vesela Nro. 31 [2]). — 77. Diodor V. Zlatorunskij, Kaukazo Stavropol, Duchovnaja seminario, Rusujo [2]). — 78. Fr cion Fotiades Aïdin, Azia, Turkujo [3]). — 79. S-ro Richard Funk, instruisto en Döhlen b. Dresden, Germanujo [1]) [2]). — 80. S-ro Karel Töpfer, Svisujo Chur, ĉiam respondas [2]). — 81. S-ro Andrew Stephen Allen, asekura agento Dodds Rd., Kaplando Afriko Mowbray [2]). — 82. S-ro Ramamonjisoa Alfr. Augustin komercoficisto Anakaely pl. Flacourt, Fananarive Afriko [2]). — 83. S-ro Froksh Edgard, Alexandrie, Afriko, poste francaise [2])

---

**Tímto číslem počínáme poslední čtvrtletí a přece množství odběratelů dosud nezaplatilo předplatné, resp. členský příspěvek. Tím jsme těžce poškozeni nejen o dlužovaný, na nás dosti značný obnos — přes 800 korun — ale i o útraty za upomínky a o drahý čas ztrávený neustálým dopisováním. Kdo je opravdovým přítelem naší revue, uznávajícím naše snahy i oběti, nebude nás zajisté takto poškozovati a aspoň na toto upozornění nepatrný dlužný obnos zašle. Kdo by ani této výzvě nevyhověl, toho nemůžeme pokládati za opravdového přítele naší revue i nebudeme váhati v takovém případě pohledávku svoji třeba soudně vymáhati. Doufáme však pevně, že nebudeme k tomu donuceni, že všichni naši odběratelé uvědomí si svoji povinnost k nám, když my zcela svědomitě plníme své povinnosti k odběratelům.**

# LA PATRIOTISMO KAJ REGISTARO.

Verkis *L. N. Tolstoj.* El la rusa lingvo tradukis *A. Blindkopf.*

## I.

Jam kelkfoje okazis al mi eldiri la penson, ke la patriotismo estas niatempe sento nenatura, neprudenta, malutila, kaŭzanta grandan parton de tiuj malfeliĉoj, de kiuj suferas la homaro, kaj ke tial ĉi tiu sento ne devas esti edukata, kiel okazas nun, — sed male, ĝi devas esti subpremata kaj ekstermata per ĉiuj rimedoj, posedataj de prudentaj homoj. Sed mirinda afero! — malgraŭ nedisputebla kaj evidenta fakto, ke sole de tiu ĉi sento dependas universalaj enarmiĝoj malriĉigantaj la popolon kaj pereigaj militoj, — ĉiuj miaj argumentoj pri poststareco, nelaŭtempeco kaj malutilo de l' patriotismo estis kaj estas renkontataj ĝis nun aŭ per silento, aŭ per intenca nekomprenado, aŭ ankoraŭ per la ĉiam unu sama stranga rediro: oni parolas, ke malutila estas sole la malbona patriotismo, ĝingoismo, ŝovinismo, sed, ke efektiva, bona patriotismo estas tre alta, morala sento, kiun malaprobadi estas ne sole neprudente, sed eĉ krime. Pri tio do, el kio konsistas ĉi efektiva, bona patriotismo, oni aŭ tute ne parolas, aŭ — anstataŭ klarigo, — diras alteflugajn, senenhavebrilajn frazojn, aŭ sub la koncepton de l' patriotismo estas submetata io, havanta nenion komunan kun tiu patriotismo, kiun ni ĉiuj scias kaj de kiu ni tiel kruele suferas.

Oni parolas ordinare, ke la efektiva, bona patriotismo postulas tion, ke oni deziru al sia popolo aŭ regno efektivajn bonojn, tiajn, kiaj ne detruas la bonojn de aliaj popoloj.

Antaŭnelonge, interparolante kun Anglo pri la nuna milito*), mi diris al li, ke la efektiva kaŭzo de ĉi milito estas ne profitemaj celoj, kiel oni ĝin ordinare parolas, sed la patriotismo, kiel estas evidente laŭ humoro de la tuta angla societo. Anglo ne konsentis kun mi kaj diris, ke se eĉ tio ĉi estas vera, do rezultas de tio, ke la patriotismo, inspiranta nun Anglojn, estas malbona patriotismo; la bona

*) Transvaala milito. *Rim. de l' tradukinto.*

patriotismo, — tiu, kiun li havas — postulas, ke Angloj, liaj sampatrujanoj, ne agadu malbone.

— »Ĉu vi deziras, ke ne agadu malbone ekskluzive solaj Angloj?« mi demandis.

— »Mi al ĉiuj deziras tion« li respondis, klare montrinte per ĉi tiu respondo, ke la kvalitoj de l' veraj bonoj — ĉu bonoj moralaj, ĉu sciencaj aŭ eĉ praktikaj — estas laŭ sia esenco tiaj, ke ili disetendiĝas sur ĉiujn homojn, kaj tial la dezirado de tiaj bonoj al iu ajn — ne sole ne estas patriotismo, sed eligas ĝin.

Ĝuste same ne estas patriotismo ankaŭ la distingaj kvalitoj de ĉiu popolo, kiujn la aliaj defendantoj de patriotismo intence submetas sub tiun ĉi koncepton. Ili parolas, ke la distingaj kvalitoj de ĉiu popolo prezentas necesan kondiĉon de l' progreso de la homaro, kaj tial la patriotismo, celanta al konservo de tiuj ĉi distingaj kvalitoj, estas bona kaj utila sento. Sed, ĉu ne estas evidente, ke se iam tiuj ĉi distingaj kvalitoj de ĉiu popolo, moroj, religioj, lingvoj, estis prezentantaj necesan kondiĉon por l' vivo de la homaro, do la samaj distingaj kvalitoj servas en nia tempo kiel ĉefa barilo al efektivigo de la konsciata jam de l' homoj idealo de frateca unuiĝo de l' popoloj. Kaj tial la subtenado kaj konservado de l' distingaj kvalitoj de iu ajn, rusa, germana, franca, anglosaksa nacio, sekvigante la saman subtenadon kaj konservadon ne sole de magiara, pola, irlanda nacioj, sed ankaŭ de baska, provansala, mordva*), ĉuvaŝa**) kaj de multaj aliaj nacioj, servas ne al proksimiĝo kaj unuiĝo de l' homoj, sed al ĉiam pli kaj pli granda fremdiĝo kaj dividiĝo de ili.

Tiel ne la imagata, sed la efektiva patriotismo, tiu, kiun ni ĉiuj konas, sub kies influo sin trovas plimulto da homoj de nia tempo, kaj de kiu tiel kruele suferas la homaro, — ne estas dezirado de l' spiritaj bonoj al sia popolo (deziri la spiritajn bonojn ne estas eble al unu popolo), nek la distingaj kvalitoj de l' popolaj individuoj (tio ĉi estas kvalito, kaj neniel sento), — sed estas tre difinita sento de l' preferado de sia popolo aŭ regno antaŭ ĉiuj aliaj popoloj aŭ regnoj, kaj tial estas dezirado al ĉi tiu popolo aŭ regno de pleja bonstato kaj potenco, kiuj povas esti akiritaj kaj

*) Finno-ugra gento en Rusujo, iam estis memstara kaj militema popolo. *Rim. de l' trad.*

**) Finno-ugra gento en Rusujo. *Rim. de l' trad.*

ĉiam akiriĝas sole per malutilo al la bonstato kaj potenco de aliaj popoloj aŭ regnoj.

Ŝajnus evidente, ke la patriotismo, kiel sento, estas sento malbona kaj malutila; kiel doktrino do, ĝi estas doktrino malsaĝa, ĉar klare estas, ke, se ĉiu popolo aŭ regno opinios sin la plej bona el ĉiuj popoloj kaj regnoj, ĉiuj ili troviĝados en la maldelikata kaj malutila eraro.

II.

Ŝajnus, ke la malutileco kaj la neprudenteco de l' patriotismo devus esti evidentaj por la homoj. Sed, — mirinda fakto! — la kleraj, instruitaj homoj ne sole mem ne vidas ĉi tion, sed kun la plej granda obstineco kaj kolero, kvankam sen iaj raciaj bazoj, pridisputas ĉiun montron de malutilo kaj neprudenteco de l' patriotismo kaj daŭrigas laŭdadi ĝian boninfluecon kaj altecon.

Kion do tio ĉi signifas?

Sole unu sola klarigo de tiu ĉi mirinda fenomeno prezentas sin al mi. La tuta historio de l' homaro de la plej antikvaj tempoj ĝis nia tempo povas esti opiniata kiel la movado de la konscio de apartaj homoj kaj unuspecaj grupoj de ili de ideoj pli malaltaj al ideoj pli altaj.

La tutan vojon, trairitan kiel de ĉiu aparta homo, tiel ankaŭ de unuspecaj grupoj da homoj, oni povas prezenti al si kiel konsekvencan vicon da ŝtupoj de la plej malalta, troviĝanta sur nivelo de besta vivo, ĝis la plej alta, ĝis kiu nur povas sin levi en donita historia momento la homa konscio.

Ĉiu homo tiel same, kiel ankaŭ apartaj unuspecaj grupoj — popoloj, regnoj — ĉiam iris kaj iras tra tiuj ĉi kvazaŭ ŝtupoj de ideoj. Unuj partoj de l' homaro iras antaŭe, la aliaj malproksime poststaras, la triaj — la plimulto — moviĝas en la mezo. Sed ĉiuj, sur kiu ajn ŝtupo ili staras, neeviteble kaj nedeteneble moviĝas for de malaltaj ideoj al la pli altaj. Kaj ĉiam, en ĉiu donita momento, kiel aparta homo, tiel ankaŭ ĉiu unuspeca grupo da homoj — antaŭestaranta, meza kaj malantaŭa — sin trovas en tri diversaj rilatoj al tri ŝtupoj de l' ideoj, inter kiuj ili moviĝas. Ĉiam, kiel por aparta homo, tiel ankaŭ por aparta aro da homoj ekzistas la ideoj de pasinteco, — forvivitaj kaj fremdiĝintaj, al kiuj la homoj jam ne povas reveni, kiel, ekzemple, por nia kristana mondo — ideoj de hommanĝado, de tutpopola rabado, ŝtelado de virinoj k. t. p., pri kiuj restas sole rememoro; ekzistas la ideoj de estanteco, kiuj estas enigataj al homoj per edukado,

per ekzemploj, per la tuta agado de la ĉirkaŭanta medio, ideoj, sub kies potenco ili vivas en la donita tempo, kiel, ekzemple, en nia tempo: ideo de l'propraĵo, de regna aranĝo, de komerco, de l'uzado de dombestoj k. t. p.; ekzistas la ideoj de estonteco, el kiuj la unuj estas jam proksimaj al efektiviĝo kaj igas la homojn ŝanĝi sian vivon kaj batali kontraŭ antaŭaj formoj, kiel ekzemple: en nia mondo ideoj pri liberigo de laboristoj, pri egalrajteco de virinoj, pri ĉesigo de nutriĝo per viando, kaj la aliaj ideoj, kvankam jam konsciataj de l' homoj, sed ankoraŭ ne enirintaj en batalon kontraŭ antaŭaj formoj de l' vivo. Tiaj estas nomataj en nia tempo idealoj, la ideoj pri neniigo de la perforto, pri enkonduko de havaĵkomuneco, pri unu religio kaj universala frateco de l' homoj. Kaj tial ĉiu homo kaj ĉiu unuspeca aro da homoj, sur kiuj ajn ŝtupoj ili staras, havante post si la forvivintajn rememorojn pri l' pasintaĵo kaj antaŭ si — la idealojn de estonteco, — ĉiam sin trovas en proceso de batalo inter forvivintaj ideoj de l' estonteco kun la enirantaj en vivon ideoj de l' estonteco. Okazas ordinare tio, ke, kiam la ideo, estinta utila kaj eĉ necesa en pasinteco, iĝas superflua, tiu ĉi ideo, post pli malpli longedaŭra batalo, cedas la lokon al nova ideo, estinta antaŭe idealo, fariĝanta ideo de l'estanteco.

Sed okazas ankaŭ tiel, ke forvivinta ideo, jam anstataŭita en konscio de l' homoj per pli alta ideo, estas tia, ke konservado de tiu ĉi forvivinta ideo estas utila por kelkaj homoj, havantaj plejan influon en societo. Kaj tiam fariĝas tio, ke tiu ĉi forvivinta ideo, malgraŭ sia akra maleco al la tuta ŝanĝiĝinta en aliaj rilatoj konstruo de l' vivo, daŭrigas influi sur la homojn kaj gvidi iliajn agojn. Tia konservado de forvivinta ideo ĉiam havis kaj havas lokon en sfero religia. Kaŭzo de tio ĉi estas tio, ke oferistoj-pastroj, kies profita situacio estas ligita kun forvivinta religia ideo, uzante sian potencon, intence tenas la homojn en la forvivinta ideo.

La samo okazas kaj pro la samaj kaŭzaj en sfero regna rilate ideon de l' patriotismo, sur kiu fondas sin ĉiu regneco. La homoj, al kiuj utila estas subtenado de tiu ĉi ideo, havanta jam nenian sencon, nek utilon, arte subtenas ĝin. Posedante do la plej potencajn rimedojn de l' influado sur la homoj, ili ĉiam povas fari ĉi tion.

En tio ĉi prezentas sin al mi la klarigo de tiu stranga kontraŭdiro, en kiu sin trovas la forvivinta ideo de l' patriotismo kun la tuta kontraŭa al ĝi vico da ideoj, jam enirintaj niatempe en konscion de la kristana mondo.

III.

La patriotismo, kiel sento de l' ekskluziva amo al sia popolo, kaj kiel doktrino pri la virto de l' oferado per sia trankvileco, per havo kaj eĉ vivo por defendo de la malfortaj kontraŭ mortigado kaj kontraŭ perforto de la malamikoj, — estis la plej alta ideo de tiu tempo, kiam ĉiu popolo opiniis povebla kaj justa, por sia bono kaj potenco, mortigadi kaj rabadi la homojn de alia popolo; sed jam antaŭ ĉirkaŭ du jarmiloj la plej altaj reprezentantoj de l' saĝeco de la homaro komencis konsciadi la pli altan ideon de frateco de l' homoj, kaj tiu ĉi ideo, ĉiam pli kaj pli enirante en konscion, ricevis en nia tempo la plej diversajn efektiviĝojn. Danke al plifaciligo de la rimedoj de interkomunikiĝo, danke al unueco de industrio, de komerco, de artoj kaj scioj, la homoj de nia tempo ĝis tia grado estas kunligitaj inter si, ke la danĝero de almilitadoj, de mortigoj, perfortoj per najbaraj popoloj jam tute malaperis, kaj ĉiuj popoloj (popoloj, sed ne registaroj) vivas inter si en pacaj, reciproke utilaj, amikaj — komercaj, industriaj, spiritaj — interrilatoj, kiujn detruadi estas por ili sen senco aŭ bezono. Kaj tial ŝajnus, ke la forvivinta sento de l' patriotismo devus, kiel superflua kaj nekunigebla kun la enirinta en vivon konscio de frateco de diversnaciaj homoj, ĉiam pli kaj pli neniiĝadi kaj tute malaperi. Do dume okazas male: malutila kaj forvivinta sento ĉi tiu ne sole daŭrigas ekzisti, sed ĉiam pli kaj pli ekflamiĝas.

La popoloj, sen iu prudenta kaŭzo, kontraŭ sia konscio kaj siaj profitoj, ne sole simpatias al la registaroj en iliaj atakoj kontraŭ aliaj popoloj, en iliaj rabprenoj de fremdaj posedaĵoj kaj en defendado per la perforto de tio, kio jam estas rabprenita, — sed ili mem postulas ĉi tiujn atakojn, rabprenojn kaj defendadon, ĝojas je ili, fieras je ili. Malgrandaj subpremitaj nacioj, enirintaj sub potencon de grandaj regnoj, — la Poloj, Irlandanoj, Ĉeĥoj, Finlandanoj, Armenoj, — reagante kontraŭ la premanta ilin patriotismo de l' subigintoj, ĝis tia grado infektiĝis de la nacioj subpremantaj ilin je ĉi tiu forvivita, fariĝinta senbezona, sensenca kaj malutila sento de l' patriotismo, ke ilia tuta agado estas alcentrigita sur ĝi kaj ke ili mem, suferante de l' patriotismo de la fortaj popoloj, estas pretaj fari kun aliaj nacioj, el sama patriotismo, tion saman, kion la subigintaj ilin nacioj faradis kaj faras kun ili.

Okazas tio ĉi de tio, ke la regantaj klasoj (komprenante sub ĝi ne sole registarojn kun iliaj oficistoj, sed ankaŭ

ĉiujn klasojn havantajn ekskluzive privilegian situacion: kapitalistojn, ĵurnalistojn, plimulton da artistoj, scienculoj) povas daŭrigi sian ekskluzive bonan — kompare kun popolamasoj — staton sole danke al regna konstruo, subtenata per la patriotismo. Havante do en siaj manoj ĉiujn plej potencajn rimedojn de l' influado sur la popolon, ili ĉiam nedeflankiĝe subtenas en si kaj en la aliaj patriotajn sentojn, des pli, ke ĉi sentoj, subtenantaj regnan potencon, pli ol ĉio alia estas rekompencataj de ĉi potenco.

Ĉiu oficisto des pli prosperas en la servado ju pli patrioto li estas; ĝuste same ankaŭ la militisto povas supreniĝi en sia kariero nur dum milito, kiu sekviĝas de la patriotismo.

La patriotismo kaj ĝiaj sekvoj — la militoj — donas grandegan enspezon al gazetistoj, kaj estas utilaj al la plimulto da komercantoj. Ĉiu verkisto, instruisto, profesoro — des pli garantias sian situacion, ju pli li predikos la patriotismon. Ĉiu imperiestro, reĝo des pli akiras da gloro, ju pli sindona li estas al la patriotismo.

En manoj de la regantaj klasoj estas la militistaro, mono, lernejo, religio, preso. En lernejoj ili ekflamigas en infanoj la patriotismon per la historioj, priskribante sian popolon plej bona el ĉiuj popoloj kaj ĉiam prava; en la plenaĝuloj ili ekflamigas la saman senton per la spektakloj, solenfestoj, monumentoj, per patriota, falsa gazetaro; do ĉefe, ili ekflamigas la patriotismon per tio, ke, farante ĉiuspecajn maljustaĵojn kaj kruelaĵojn kontraŭ aliaj popoloj, ili ekscitas en ili malamikecon kontraŭ sia popolo, kaj poste tiun ĉi saman malamikecon utiluzas por ekscitado de la malamikeco ankaŭ en sia popolo.

Ekflamiĝo de tiu ĉi terura sento de l'patriotismo iris en eŭropaj popoloj en ia rapide kreskanta progreso kaj niatempe venis ĝis la lasta grado, post kiu plu iri jam ne estas kien.

## IV.

En la memoro de ĉiuj, eĉ nemaljunaj homoj de nia tempo okazis la fakto, montrinta per la plej evidenta maniero tiun frapantan ebriiĝon, ĝis kiu estis alkondukitaj per la patriotismo la homoj de kristana mondo.

La regantaj klasoj germanaj ekflamigis patriotismon de siaj popolamasoj ĝis tia grado, ke estis proponita al la popolo en dua duono de 19a jarcento la leĝo, laŭ kiu ĉiuj

homoj senescepte devis esti soldatoj; ĉiuj filoj, edzoj, patroj devas lerni mortigadon kaj esti humilaj sklavoj de l' unua pli alta rangulo kaj esti senredire pretaj al mortigo de tiuj, kiujn oni ordonas al ili mortigi: mortigi la homojn de l' subpremitaj nacioj kaj siajn laboristojn, defendantajn sian rajtaron, siajn patrojn kaj fratojn, kiel publike deklaris pri tio la plej aroganta el ĉiuj potenculoj — Vilhelm la Dua.

Tiu ĉi terura rimedo, ofendanta per la plej maldelikata maniero la plej bonanjn sentojn de l' homoj, estis sub influo de patriotismo senmurmure akceptita de popolo de Germanujo.

Ĝia sekvo estis la venko super la Francoj. Ĉi tiu venko ankoraŭ pli ekflamigis patriotismon de Germanujo kaj poste de Francujo, Ruslando kaj de aliaj regnoj, kaj ĉiuj homoj de kontinentaj regnoj senmurmure obeis enkondukon de l' universala militserva devo, t. e. la sklavecon, kun kiu povas esti komparata laŭ grado de malhonoro kaj senvoleco neniu el la antikvaj sklavecoj. Post tio ĉi la sklava humileco de popolamasoj en nomo de l' patriotismo, kaj aroganteco kaj krueleco kaj senprudenteco de la registaroj jam ne sciis la limojn. Komenciĝis vete la sekvigataj parte per kaprico, parte per gloramaĉo, parte per profitemo rabkaptoj de fremdoj landoj en Azio, Afriko, Ameriko kaj la ĉiam plia kaj plia malkonfido kaj malamikiĝo de la registaroj unu kontraŭ la alia.

Neniigado de l' popoloj en rabkaptitaj landoj estis akceptata kiel io per si mem komprenebla. La demando estis sole pri tio, kiu antaŭe rabkaptos fremdan teron kaj neniigados ĝiajn loĝantojn. Ĉiuj regantoj ne sole per la plej evidenta maniero detruadis kaj detruadas kontraŭ subigitaj popoloj kaj unu kontraŭ la alia la plej antikvajn postulojn de justeco, sed faradis kaj faradas ĉiuspecajn trompojn, friponaĵojn, koruptojn, falsifikaĵojn, spionadojn, rabojn, mortigojn, kaj la popoloj ne sole simpatiis kaj simpatias al ĉio ĉi, sed eĉ ĝojas, ke ne aliaj regnoj, sed iliaj regnoj faras tiujn ĉi krimojn. Reciproka malamikeco de popoloj kaj regnoj en la lasta tempo atingis tiel mirindajn mezurojn, ke, malgraŭ ke estas nenia kaŭzo por ke unuj regnoj ataku la aliajn, — ĉiuj scias, ke ĉiuj regnoj ĉiam staras unu kontraŭ la alia kun eltiritaj ungegoj kaj kun montrataj dentoj kaj atendas sole, ke iu falu en malfeliĉon kaj malfortiĝu por ke oni povu kun malpleja danĝero, ataki ĝin kaj disŝiri ĝin.

Ĉiuj popoloj de la tiel nomata kristana mondo estas alkondukitaj per la patriotismo ĝis tia »sovaĝbestiĝo«, ke

ne sole tiuj homoj, kiujn devigas la neceseco — mortigadi aŭ esti mortigitaj, kiuj deziras aŭ ĝojas la mortigon, sed eĉ la homoj, trankvile loĝantaj en siaj de neniu minacataj domoj en Eŭropo, danke al rapidaj kaj facilaj interkomunikiĝoj kaj preso, ĉiuj homoj de Eŭropo kaj Ameriko — ĉiu milito — sin trovas en situacio de l' rigardantoj en la Roma cirko kaj same, kiel ankaŭ tie, ĝojas je mortigo kaj same sangavide krias: »pollice verso!«*)

Ne sole la grandaĝuloj, sed eĉ la infanoj, la puraj, saĝegaj infanoj, konforme al tiu nacio, al kiu ili apartenas, ĝojas, kiam ili sciiĝas, ke estas mortigitaj, disŝiritaj per la liddit-kuglegoj ne 700, sed 1000 Angloj aŭ Boeroj. Kaj la gepatroj — mi konas tiajn — per aprobo igas la infanojn al ĉi tiu sovaĝbesteco.

Sed ne sufiĉas eĉ ĉi tio. Ĉiu pligrandiĝo de l' armeo de unu regno (ĉiu regno, sin trovante en danĝero, pro patriotismo, penas pligrandigi ĝin) devigas la najbaran ankaŭ el patriotismo pligrandigi siajn armeojn, kio sekvigas novan pligrandiĝon de l' unua.

La samo okazas kun fortikaĵoj, ŝiparoj: unu regno konstruis 10 armŝipojn; la najbaraj ekkonstruis 11; tiam la unua konstruas 12 kaj tiel plu en senfina progresio.

— »Mi cin ekpinĉos.« — Kaj mi cin per pugno... — »Kaj mi cin per vipo.« — Kaj mi per bastono. — »Kaj mi en pafilo...« tiel disputas kaj batiĝas sole malbonaj infanoj, ebriaj homoj aŭ bestoj, dume la samo fariĝas en medio de la plej altaj reprezentantoj de la plej klerigitaj regnoj — de tiuj samaj, kiuj gvidas la edukadon kaj moralon de siaj subuloj. (Daŭrigo.)

# TURISMO EN BOHEMUJO KAJ MORAVIO.

Speciale por »*Bohema esperantisto*« verkis *Dr. Jiří Guth*, redaktoro de »*Český turista*«. El la bohema manuskripto esperantigis *Jan Iglauer*.

Bohemujo kaj Moravio en sia ĝenerala karaktero ne estas lando sovaĝe romantika, kia antaŭ ĉio allogas modernan turiston, sed ili distingiĝas entute per agrabla ĉarmo kaj ili prezentas en kelkaj, tre multaj partoj, tiom da naturaj belaĵoj kaj kuriozaĵoj, ke la turisma movado tuj, kiam ĝi

*) Almortigu do lin! *Rim. de l' trad.*

estis unufoje vekita, komencis rapide disvolviĝadi kaj nun ĝi ĝojige kreskas de unu jaro al la alia; precipe da la tempo, kiam ankaŭ naciekonomia flanko de l'turismo komencas trovadi meritatan komprenon.

El la lokoj en Bohemujo kaj Moravio turisme gravaj la unua estas kompreneble la bohemuja ĉefurbo Praha, pri kies granda signifo oni ne bezonas paroli. Ankaŭ en la moravia ĉefurbo Brno (Brünn), grandparte ankoraŭ germana, komencas fervore efiki bohemaj societoj turistaj kaj fremdulaj. Historie gravaj estas la urboj: Kutná Hora kun luksoplena gotika preĝejo, itala palaco kaj aliaj memorindaj konstruaĵoj; proksima Sedlec kun tabakfabrikejo; Tábor, malnova husana urbo; Králové Hradec (Königgrätz) kun la proksima batalejo el la jaro 1866; Náchod, ankaŭ batalejo en 1866, kun antikva kastelo; Kolín, batalejo el la jaro 1757; Jindřichův Hradec kun malnovega kastelo de Černín; en Moravio Olomouc kaj Kroměříž. Historie memorindaj estas kastelo Karlův Týn (Karlstein) kaj monto Říp apud Roudnice. Urboj distingiĝantaj per industrio estas antaŭ ĉio Plzeň (Pilsen) kun fabrikado de tutmonde konata biero en kelkaj grandaj bierfabrikejoj; Mladá Boleslav kun la fabrekejo de Laurin & Klement por aŭtomobiloj; Kladno kun karbominejo; en Moravio Moravská Ostrava.

Turismaj centroj kaj pejzaĝe distingiĝaj lokoj estas:

1. Apud la okcidenta fervojo Domažlice, ankaŭ historie interesaj, kun sia tuta ĉirkaŭaĵo, kun flankvojoj de Plzeň al Klatovy kaj pluen sur Ŝumavon al Špičák kaj al Eisenstein. La tuta Ŝumavo kun siaj belegaj lagoj (Černé jezero = Nigra lago, Čertovo jezero = Diabla lago, Ploeckensteinské jezero = Ploeckensteinlago k. a.) prezentas belegajn pejzaĝpartojn, bedaŭrinde nesufiĉe oportune atingeblajn de la larĝaj turistaj amasoj. El Klatovy per la transversala fervojo preter kastelo Velhartice al Sušice, poste en urbojn Strakonice kaj Písek, el la plej grandaj urboj sudbohemujaj. De tie en urbon České Budějovice, bohema urbo regata de germana malplimulto.

2. Ĉirkaŭaĵo de Turnov, nomita »Český ráj«, »Bohema paradizo«, pro sia sovaĝe romantika kaj ĉarma karaktero, kun siaj ŝtonegaj urboj kaj kastelo Trosky, kun urboj Železný Brod kaj Semily kaj turista vojeto de Rieger.

3. Per ĉarmeco de pejzaĵo estas konataj ĉirkaŭaĵoj de Náchod, Nové Město (banejo kaj somerloko Rezek kaj

Peklo), poste apud la nordokcidenta fervojo Potštýn n. O. kun malnova kastelo.

4. Proksime de Praha la valo de Sázava, nun atingebla per fervojo el Čerčany ĝis Světlá.

5. Natura miraklo kaj la plej granda bohemuj-moravia logantaĵo turisma estas Moravia karsto kun abismo Macocha kaj grotoj Sloupské jeskyně apud Brno.

La mondfamaj banlokoj kiel Karlovy Vary (Karlsbad), Teplice (Teplitz), Mariánské Lázně (Marienbad), Františkovy Lázně (Franzensbad) kaj Jánské Lázně (Johannisbad) kuŝas en germanigita regiono kaj iliaj administracioj akre staras kontraŭ la slava elemento ĝenerale kaj la bohema speciale. La pure bohemaj banlokoj estas malpli gravaj; ili estas: Velichovky, Toušeň, Houštka, Sedmihorky, Železnice, Svatý Jan pod Skálou, Běleves, Vápenný Podol, Ostrov, Poděbrady, Sudoměřice, Studánka u Rychnova, Lahovice, Štemberk u Slaného, Sv. Anna-Pohled, Bělohrad, Letiny k. j. Sed la banloko Luhačovice en Moravio komencas esti bohema banloko grandstila. La plej granda parto de ĉi tiuj banurboj estas ankaŭ someraj loĝurboj.

Krom la somera turismo oni ankaŭ praktikas la vintran turismon, por kiu estas sur multaj lokoj de Bohemujo kaj Moravio bonaj kondiĉoj.

En ĉiuj lokoj proksimaj al fervojoj estas bonaj hoteloj kun nemultekosta prizorgo, en la lokoj malpli proksimaj estas almenaŭ puraj kaj kontentigantaj gastejoj.

La fremdulo povas interkompreniĝi sur multaj lokoj germane, multefoje ankaŭ france. Multaj Bohemoj parolas ankaŭ jun slavan lingvon, multaj scias ankaŭ esperanton.

Ĉie en Bohemujo kaj Moravio la turisto estas bonvenanta; bedaŭrinde la bohemaj landoj ne ĝuas tian atenton, kian ili meritus.

* * *

Pri la bohema turisma movado zorgas antaŭ ĉio »Klub českých turistů« (Bohema klubo turista), la plej malnova (fondita en 1888), plej granda (4000 membroj, 41 grupoj) kaj plej grava centro de bohemaj turistoj (sidejo en Praha II., Jungmannova 15), kies organo estas »Časopis turistů« (Gazeto de turistoj), kaj kelkaj malpli grandaj societoj similaj. La movadon fremdulan multe subtenas »Český zemský svaz ku povznesení návštěvy cizinců v král. Českém (Bohema landa asocio por vastigi la vizitadon de fremd-

uloj en reĝolando Bohemujo), ekzekutiva organo de la ministerio de publikaj laboroj (oficejo en Praha II., Josefské nám.). Danke ilin kaj kelkajn instituciojn similajn la intereso pri turismo kaj la movado fremdula en bohemaj landoj ĉiujare kreskas, la riĉaĵoj kaj belaĵoj bohemlandaj trovas ĉiam pli multe la meritaton atenton.

# LA MORAVIA KARSTO.

Verkis prof. *Rudolf Fridrich* (Prostějov, Moravio).

Tridek kilometrojn nordoriente de la moravia ĉefurbo Brno kuŝas interesa teritorio, al kiu precizema geografo donis laŭ limaj vilaĝoj la nomon: altaĵo de Sloup-Ostrov, sobra geologo esplorinta ĝian devonan kalkoŝtonan formacion: Moravia karsto, kaj la fiera bohema ekskursantaro: moravia Svisio.

Kara legonto! Ekaŭdinte la lastan reklameman nomon, Vi ne imagu montegojn kun glaciejoj, nek vastajn valojn. La plej alta punkto ne atingas 600 metrojn super la marnivelo kaj la neĝo nek en profundegaĵo povis akiri la titolon »eterna.« Oni preferas nun la nomon de »Moravia karsto«, kvankam ĝenerale la karstaj kalkoŝtonoj estas pli junaj.

De la suda karsto en Karantanio, Istrio, Dalmacio, Bosnio kaj Hercegovino diferencas la nia ankaŭ per sia forta vegetaĵaro, ĉar nia kalkoŝtono enhavas iom pli da nutra materialo kaj krom tio ĝi suferas nek de daŭra somera varmego nek de violentaj ventegoj kiel la nuda karsto en sudaj landoj. Sur Moravia karsto bela folia aŭ konifera arbaro alternas kun kampo sufiĉe fruktoporta.

Kie do estas la merito de tiu interesa lando? Per kio ĝi allogas simplan ekskursanton same kiel seriozan sciencistоn? Kial la nomoj de sinjoroj Absolon, Kříž, Koudelka, Kořistka, Procházka, Reinbach kaj Wankel ĉiam restos glore ligitaj kun la historio de faka esplorado de tiu problema teritorio? Ĉar la Moravia karsto estas centro de geologiaj miroj. Oni mirigite ekstaros apud riveretoj, kiuj subite malaperas antaŭ deklivoj por flui kelke da kilometroj sub tero, en akompano de gvidisto oni penetros en grotojn ornamitajn per stalaktitoj, kapturno vin ekprenos pro rigardo en la teruran profundegaĵon Macocha. Sed ni vizitu tiun ĉarman angulon!

Por vidi laŭgrade kaj evolucie ĉion, oni rekomendas la sudan direkton sekvantan la fluon de riveretoj. La fremd-

uloj veturas el Brno norden per fervojo kaj forlasinte post kvindek minutoj vagonaron en la stacio Rájec iras piede orienten 9 kilometrojn ĝis en vilaĝon Sloup, kuŝantan sur norda limo de la Moravia karsto. (Daŭrigo.)

# KIEL SINJORO VOREL FUMUMIS SIAN MARŜAUMAN PIPON?

Rakonto de *Jan Neruda.* Traduko de *H. K. Bouška.*

La 16an de februaro en la jaro mil okcent kvardek kaj ankoraŭ ioma sinjoro Vorel malfermis sian grivendejon »Ĉe la verda anĝelo«. — »Du Poldi, hoerst«, diris sinjorino kapitanedzino en la etaĝo super ni al sia fraŭlino filino, kiu ĵus iris por aĉeti kaj estis jam ekstere en la koridoro, »grion aĉetu ĉi tie ĉe tiu nova, ni povas tion provi«.

Multa homo senpripensema eble opinios, ke la malfermo de nova grivendejo estis neniu tro stranga okazaĵo. Sed al tia homo mi dirus: »Vi bedaŭrindulo!« aŭ mi sole levus la ŝultrojn kaj dirus nenion. Tiame, kiam vilaĝano eble dum dudek jaroj ne estis en Praha kaj poste venis tra pordego Strahovská ĝis en la straton Ostruhová, estis tie komercisto en la sama angulo kiel antaŭ dudek jaroj, bakisto sub la sama elpendaĵo kaj fruktovendisto en la sama domo. Tiame ĉio havis sian difinitan lokon, malfermi subite grivendejon tie, kie antaŭe estis ekzemple komercejo, estis tiel malsaĝe, ke neniu pri tio eĉ ne ekpensis. La butiko herede transiradis de patro al filo kaj se tamen iam ĝi estis donita al iu almigrinto el Praha aŭ el provinco, la enlanduloj ne rigardis lin tro fremde, ĉar li iel submetiĝis al la alkutimigita ordo kaj ne faris inter ili konfuzon per novaĵoj. Kaj li, sinjoro Vorel, estis ne sole absolute fremda homo, sed li fondis grivendejon en la domo »Ĉe la verda anĝelo«, kie tamen neniam antaŭe estis iu butiko, kaj li eĉ pro tio trarompigis muron de teretaĝa loĝejo eksteren al strato! Tie estis ĉiam sole arkforma fenestro kaj apud ĝi sidadis de la mateno ĝis la vespero sinjorino Staňková super la preĝlibro havante verdan ŝirmilon sur la okuloj, kaj ĉiu preteriranto povis ŝin vidi. La maljunan vidvinon oni forveturis antaŭ unu jaro en Košíř'on kaj nun — kial tiu ĉi butiko! En la strato Ostruhová estis jam unu grivendisto, vere tute malsupre, sed kial la dua? Tiame oni ankoraŭ

havis monon kaj oni aĉetadis plejparte la provizaĵojn direkte el la muelejo. Eble sinjoro Vorel pensis: »Certe la afero sukcesos!« Eble li ankaŭ konjektis egoisme, ke li estas juna, bela viro, kun rondformaj vangoj, revemaj bluaj okuloj, maldika kiel knabino, krom tio fraŭlo, sekve, ke la kuiristinoj venos. Sed tio ĉi ĉio estas strangaj aferoj.

Ĵus ankaŭ pasis proksimume jarkvarono de la tempo, kiam sinjoro Vorel eklogis en la straton Ostruhová; li devenis el ie el kamparo. Oni sciis pri li nenion alian ol, ke li estas filo de muelisto; eble li mem estus dirinta al oni pli multe kaj certe kompleze, sed oni ne demandis lin. Oni montradis kontraŭ li ĉian fierecon enlandulan, li estis por oni fremda. Vespere li sidadis »en flava domo« antaŭ bierkruĉo apud angulo de tablo proksime de forono, sola, tute sola. La ceteraj eĉ ne atentis lin, pleje ili faris kapsignon, kiam li salutis. Kiu venis pli malfrue ol li, tiu rigardis lin, kvazaŭ tiu ĉi viro sidus tie hodiaŭ unuan fojon: se li mem venis pli malfrue, okazis, ke la interparolo silentis. Eĉ hieraŭ neniu lin atentis, kaj tamen estis tie tiel sincera festo! Nome sinjoro Jarmárka, poŝta oficisto, festis sian arĝentan geedziĝon. Vere sinjoro Jarmárka estis ĝis nun sole fraŭlo, sed ĝuste la 18an de februaro pasis dudek kvin jaroj de la tempo, kiam li estus preskaŭ edziĝinta. La fianĉino mortis unu tagon antaŭ la geedziĝo, sinjoro Jarmárka jam pensis pri neniu geedziĝo, li restis fidela al sia fianĉino kaj li hieraŭ tute serioze rigardis la arĝentan geedziĝon. Ankaŭ la ceteraj najbaroj, ĉiuj homoj bonaj, vidis en tio nenion strangan, kaj kiam poste en la fino de ordinara ĉiutaga trinkado sinjoro Jarmárka donis tri botelojn da vino de Mělník, ili sincere toastis reciproke. Glasetoj rondiris — sinjorino gestejestrino posedis sole siajn du glasetojn de vino — sed neniu tuŝis sinjoron Vorel. Kaj tamen sinjoro Vorel havis hodiaŭ tute novan marŝaŭman pipon, arĝente forĝumitan, kaj tiun ĉi havigis al si sole por aspekti kiel najbaro.

La 16an de februaro je la sesa horo matene malfermis do sinjoro Vorel sian vendejon »Ĉe la verda anĝelo«. Jam hieraŭ ĉio estis tie tute aranĝita, la butiko brilis de blanko kaj novo. En la kestoj kaj malfermitaj sakoj lumis muelo pli blanka ol tiu freŝe blankigita muro kaj brilis pizo pli flava ol tiu oranĝe kolorigita memblo ĉirkaŭe. La genajbaroj preterirante bone rigardis internen, kaj iu faris repaŝon por rigardi ankoraŭ unufoje. Sed neniu eniris la butikon. (Daŭrigo.)

# PENSOJ EL LA LIBROJ.

Elektas *H. K. Bouška.*

I.

*L. L. Zamenhof: »Proverbaro esperanta«.*)*

— Kiu batas edzinon, tiu vundas sin mem. (69.)

— Eĉ inter piuloj ne markas pekuloj. (131.)

— Ju pli da ĵuroj, des pli da suspekto. Tro forta ĵuro — la afero ne pura. (136.)

— Griza barbo saĝon ne atestas. (155.)

— Kolero pravecon ne donas. Per insulto kaj kolero ne klariĝas afero. Kiu koleras, tiu ne prosperas. (171.)

— Malsaĝo estas najbaro de mizero. Plej danĝera malsano estas manko de saĝo. En mizero eĉ saĝulo estas malsaĝa. (212.)

— Estinta amiko estas plej danĝera malamiko. Plej kruela estas redono por farita bono. Kiu neniun savis, malamikojn ne havas. Por via bono vin regalas bastono. Putrado de fiŝo komencas de l'kapo. Batu malbonulon, li vin flatos, — kisu, li vin batos. (323.)

— Feliĉo fierigas, malfeliĉo saĝigas. (324.)

— Ankoraŭ neniu plaĉis al ĉiu. Kontentigi ĉiujn eĉ anĝelo ne povas. Ŝiru vin en du partojn, la mondo trian postulos. Kiu servas al ĉiu, al si mem malutilas. Kiu por ĉiuj laboras, pri si mem ne memoras. Oni ne povas sin movi laŭ ĉiu vento aparte. Azenon komunan oni batas plej multe. Klopodi pri ĉies favoro estas pleje malsaĝa laboro. (343).

— Pro eraro ne praviĝas la faro. (346.)

— Ne juĝu pri afero laŭ ĝia ekstero. (365.)

— Ne en ĉiu afero estu severa. Ne ĉion oni devas severe ekzameni. Iafoje ni devas okulon fermeti. (366.)

— Ne ekzistas naiva vulpo, ne ekzistas homo sen kulpo. (372.)

— Elektu edzinon laŭ deveno kaj ne laŭ mieno. Per oreloj, ne per okuloj, edzinon elektu. Ŝtelu malproksime, edziĝu proksime. Edziĝo najbara garantias de eraro. (373.)

— En ĉiu aĝo devas kreski la saĝo. Homo lernas la tutan vivon. Vivu, progresu, sed lerni ne ĉesu. Plej saĝa

*) *Proverbaro esperanta* laŭ la verko Frazeologio rusa-pola-franca-germana de M. F. Zamenhof aranĝis *L. L. Zamenhof.* Paris 1910. Verkaro de Dro Zamenhof, Hachette et Cie, Paris.

maljunulo ne estas tro saĝa. Por sperto kaj lerno ne sufiĉas eterno. (386.)

— Kie ĵuron vi aŭdas, malbonon suspektu. (401.)

— Kie regas la forto, tie rajto silentas. Kiu havas la forton, havas la rajton. (411.)

— Parolanto semas, aŭdanto rikoltas. (452.)

— Plej bona sprito estas silento. (456.)

— Kontraŭ doloro helpas bona humoro. (498.)

— Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras. Peko kaj eraro estas ecoj de l' homaro. Homo senpeka neniam ekzistis. (551.)

— Kontraŭ peko batalu, sed pekanton ne tuŝu. Kontraŭ peko prediku, sed pekinton pardonu. (561.)

— Silentu donante, parolu ricevante. (604.)

— Ne rapidu, trankvile decidu. Ne rapidu insulti, volu aŭskulti. Ne aŭskultinte, ne kondamnu. Juĝanto devas havi du orelojn. (608.)

— Naskiĝu, edziĝu kaj mortu — ĉiam monon alportu. (661.)

— Mono amas kalkulon. Bonaj kalkuloj, bonaj kunuloj. Amikon karesu, sed kalkuli ne forgesu. Amikeco aparte, afero aparte. Ju pli precizaj la kalkuloj, des pli fortika la amikeco. Negocaj aferoj estas severaj. (662.)

— Via dekstra mano ne sciu, kion faras la maldekstra. (681.)

— Kiu bone agas, timi ne bezonas. Pura ĉielo fulmon ne timas. Pura konscienco estas plej granda potenco. Foresto de ofendo estas plej bona defendo. (699.)

— Bona estas domo nova kaj amiko malnova. (749.)

— Amikon montras malfeliĉo. (784.)

— Amikon ŝatu, malamikon ne batu. Al Dio plaĉu, sed sur diablon ne kraĉu. Se vi povas, profitu, sed aliajn ne incitu. (793.)

— Al malsaĝulo ne helpas admono, nur bastono. (805.)

— Komplezema malsaĝulo estas pli danĝera ol malamiko. Pli bona estas saĝa malamiko ol malsaĝa amiko. Se vi sendis malsaĝulon, sendu kontrolon. (809.)

— Kio iras el koro, venas al koro. Konfido naskas konfidon. (818.)

— Virino bonorda estas muta kaj surda. Por virta orelo ne danĝeras vorto malbela. Por parolo delira ne ekzistas rediro. (836.)

— Pli valoras faro nenia ol faro malbona. Pli valoras senlaboreco ol sensenca laboremeco. (841.)

— Ne rapidu kun vortoj, rapidu kun faroj. (856.)

— Ne punu edzinon antaŭ infanaj okuloj, ne punu infanojn antaŭ fremduloj. Vivon privatan kaŝu la muroj. (891.)

— Edziĝo tro momenta estas longapenta. Tro rapida edziĝo — porĉiama kateniĝo. (895.)

— Pli bone estas reiri ol perdi la vojon. Ne hontu penti pri faro, hontu persisti en eraro. (937.)

— Leĝo estas cedema: kien vi deziras, ĝi iras. Leĝo mallertulon ligas, lertulon fortigas. Leĝo estas bona, se advokato ĝin helpas. (958.)

— Ne zorgu pri tio, kio estas ekster via scio. (998.)

— Saĝa scias, kion li diras, — malsaĝa diras, kion li scias. Ju cerbo pli prudenta, des lango pli silenta. (999.)

— Scion akiru, sed ne ĉion eldiru. La lipoj ne montru, kion manĝis la buŝo. Balaaĵon el korto eksteren ne elportu. (1003.)

— Vian vivon ĝuu, sed fremdan en detruu. Profiton celu, sed aliajn ne pelu. (1032.)

— Se kalumnio eĉ pasas, ĝi ĉiam ion lasas. Serpenton oni povas eviti, sed kalumnion neniam. Kontraŭ kalumnio helpas nenio. Kalumniante konstante, oni eĉ anĝelon nigrigas. Se kalumnio ne brulas, ĝi almenaŭ makulas. Kontraŭ kalumnio ne povas batali eĉ dio. Al la buŝo de »oni« neniu povas ordoni. (1056.)

— De legado sen atento ne riĉiĝas la prudento. (1059.)

— Pri dolĉa vorto ne fieru, maldolĉan ne koleru. (1084.)

— Pardonemeco superas justecon. Puno pekon svingas, favorkoreco ĝin estingas. (1111.)

— Kio servas por ĉio, taŭgas por nenio. (1145.)

— Sendito nur portas; kion oni ordonis, li raportas. Senditon oni aŭskultas aŭ ne aŭskultas, sed ne punas nek insultas. (1161.)

— Kiu diras la veron, havas suferon. (1163.)

— Vero ne bezonas mediti nek spriti. (1164.)

— Amiko estas kara, sed vero pli kara. (1165.)

— Aŭskultas prudente, kiu aŭskultas atente. (1186.)

— Kiso publika estas kiso malamika. Kiso malsincera estas danĝera. Kiso antaŭ amaso estas kiso de Judaso (1228.)

Zodpovědný redaktor H. K. Bouška. — Nakladatel Jan Iglauer. — Tisk »Politiky« v Praze

---


Redaktoro: H. K. Bouška, Praha-Smíchov 1097. — Eldonanto: Jan Iglauer, Praha III, 495. — Presejo: »Politika«, Praha. — Bohemujo-Aŭstrio.